1 4 -07- 1995

3/95

# Internacia Ĵurnalisto

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Aparta atento pri Esperanto-radiofonio

**En la fokuso de nia membrokunveno en Tampereo**

**En la fokuso de nia membrokunveno dum la Universala Kongreso en Tampereo - laŭplane ĝi okazos mardon, la 25an de julio, 17 h - krom la temoj menciitaj jam en antaŭaj numeroj precipe ankaŭ troviĝos radiofonio.**

Estas pluraj motivoj, por nun speciale atenti tiun sekcion de Esperanto-ĵurnalismo: Malaperis Esperanto-programoj, aliflanke multiĝas eblecoj por E-elsendoj en lokaj stacioj. Kaj la nova teknika evoluo ebligas, ke ni ricevu programojn multe pli perfekte ol antaŭe pere de satelitoj (pri kio ni jam raportis en antaŭa numero de IĴ).

Estiĝis krome iniciato **Amikaro de Esperanto en RAdio** (AERA), pri kiu vi povas legi sur paĝo 4 de tiu ĉi numero. Ni intencas, en Tampereo starigi apartan laborkomisionon de radio-ĵurnalistoj, kiu ekzemple povos kunlabori kun AERA.

Cetere, anoncis sian viziton en Tampereo por kelkaj tagoj ĉefredaktoro (neesperantista) de Pola Radio, kiu volas vidi kiel funkcias la lingvo internacia en la praktiko. Eble bona ŝanco.

Pri la kongreso kaj pri nia membrokunveno bonvolu legi pliajn detalajn sur paĝo 2.

### Ni vizitos universitaton en Tampereo

Intertempe ankaŭ konkretiĝis la planoj por eksterkongresa speciala programo por niaj gekolegoj. Relative certa estas vizito al departemento pri amaskomunikado kaj ĵurnalismo de l' universitato en Tampereo. Ĝin preparas kaj probable gvidos Jukka Pietiläinen mem. Tiu ĉi departemento edukas plejparton el finnaj ĵurnalistoj kaj disponas ankaŭ pri propra radio. Laŭplane tiu ĉi sendube interesa vizito okazos mardon – do jam notu tion, por ne maltrafi bonan okazon. (La universitato situas, tre komforte por ni, tuj apud la kongresejo.) Pri eventuala alia vizito kaj kontaktoj kun finnaj gekolegoj en Tampereo ni ankoraŭ ne scias. Ĉiuokaze bonvolu atenti koncernajn anoncojn en la kongresa kuriero.

Tiu ĉi numero de IĴ eble jam ne plu atingos ĉiujn membrojn antaŭ ekvojaĝo al Tampereo. Kiel ajn, ni deziras al vi...

*Bonan flugon al la UK en Tampereo!*



*Antikva fluganta reportero*

## ENHAVO

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*

Organo de

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

aperas 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, ☎/fakso (49)821/520385

Redaktofino de tiu ĉi numero: 24 jun 95

Kopirajto ĉe Internacia Ĵurnalisto

Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio

Verantwoordelijke uitgever:

Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Presata de Flandra Esperanto-Ligo sur mediprotekta papero.

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio

Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Vicprezidanto: Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Citadella (PD), Italio

Estraranoj:

Davor GRGAT, Stepinĉeva 29, HR-58000 Split, Kroatio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL00539 Warszawa, Pollando

ARBITRACIO KOMISIONO:

István ERTL, Andreo PETTYN, László SZILVASI

LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)

LANDAJ SEKCIOJ:

Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia

Pola TEĴA-sekcio: adreso de estrarano Kosieniak

Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

Membrokotizo: 30.00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f

## Ĉu vi pagis la kotizon por 1995?



Se ne, vi trovas en la apuda kesto ruĝan kruceton. Tio estas signalo, ke vi tuj devas pagi TEĴA-kotizon, ĉar alikaze vi povas perdi membrecon – kaj tion probable vi ja ne volas riski...

## Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

- **Membrokunveno en Tampereo:** Ĝi okazos mardon, 25an de julio, 17.00 h en la kongresejo. Bonvolu kontroli en la kongreslibro, en kiu vi ankaŭ trovos indikon pri la salono de nia kunveno. Definitivan tagordon kaj ceteran materialon por la membrokunveno vi ricevos surloke.
- **Agadraportoj:** Pro spcecialaj cirkonstancoj (malaktivado de ĝenerala sekretario, malsano de l' prezidanto, aperigo de raportoj en IĴ 4/94) ni rezignas pri agadraportoj en tiu ĉi numero. Ni donos koncernajn raportojn dum la membrokunveno parte buŝe, parte skribe.
- **Kontaktoj dum la kongreso:** La TEĴA-prezidanto estos en Tampereo dum la kompleta kongressemajno, ekde sabato, 22a de julio. Se vi volas kontakti lin (kaj aliajn estraranojn), provu ĉe gazetara servo aŭ stando de FEL/Monato.
- **Premio Privat:** Ni rememorigas pri koncerna alvoko en la antaŭa numero de IĴ; ĝis redaktofino de tiu ĉi numero atingis nin neniu propono.
- **Ni bonvenigas novajn membrojn:** Francio: MASALA s-ro Bruno, 2 rue des Vignes, F-57530 Coincy; Ruslando: MININ s-ro Vladimir, ul. Sergeja Lazo 6/-8, a. k. 2000, RUS-634063 Tomsk.







95 FIM
/100

Unua komputila tekstprogramo tute en Esperanto

# Klara faka sukceso – sed financa fiasko?

## Por profesi-nivela Ĉapelilo mankas aĉetantoj

**Certe vi legis en diversaj Esperanto-gazetoj pri Ĉapelilo, la unua tekstprilaborilo tute en la lingvo internacia, produktita kaj vendata de Simono PEJNO. Inter la multaj avantaĝoj de tiu ĉi komputila programo elstaras precipe la ampleksa ortografia kontrolilo.**

Sendube Ĉapelilo estas tekst-programo profesi-nivela (*Monato:* „Ni levu la ĉapelon por Ĉapelilo..., nepre!") kaj do meritas agnoskon kaj subtenon. Sed spite al fakeco kaj spite al modesta kosto (enkonduka prezo 200 germanaj markoj, poste 250 markoj), esperantistoj nur hezite aĉetas ĝin.

**Projekto eble jam ĉesigita**

Por ke la projektu sukcesu ankaŭ finance, Pejno devus vendi monate minimume 40 ekzemplerojn, sed dum la unuaj monatoj (ekde marto 1995) neniel atingis tian vendociferon. Jen do faka sukceso povus finiĝi per financa fiasko. Pejno anoncis, ke li devos ĉesigi la projekton en junio/julio 1995, se vendoj ne kreskas. Eble do, kiam vi nun legas tiujn ĉi liniojn, vi jam ne plu povas aĉeti Ĉapelilon...

*Tamen, eble ĝi ja saviĝos, profite por ĉiuj esperantistoj, kiuj uzas komputilojn - ekzemple multaj TEĴA-anoj. Tial el ampleksa intervjuo, kiun A. Pettyn faris kun kolego Pejno por Pola Radio, ni ĉerpas por represo precipe tiujn partojn, kiuj aparte povas interesi ĵurnalistojn kaj redaktorojn.*

**Demando:** *Por kiuspecaj komputiloj taŭgas via Ĉapelilo?*

**Pejno:** Evidente tiu unua versio estas ekskludе por IBM-kongruaj personaj komputiloj kun Vindozo 3.1. Poste sekvos versio por Vindozo 95. Se la vendoj vere soros, ni povos repripensi la aferon kaj pretigi version plurplatforman – ekzemple por Makintoo kaj Unikso. Sed tio bezonos plian investon.

**Demando:** *Kiel aspektas la ligoj kun diversaj naciaj lingvoj? Inter kiuj lingvoj estas komutebla Ĉapelilo?*

**Pejno:** Ĉapelilo dum la unua fazo celas ĉiujn landojn kun latinida aŭ cirila alfabeto. Ni havas jam ankaŭ japantaŭgan version... Memkompreneble vi povas miksi Esperanton kun via nacia lingvo ene de Ĉapelila dokumento. Tio ankaŭ validas por lingvo kun cirila alfabeto. Oni simple elektu ne-Esperantan tiparon kaj poste ree Esperantan.

**Demando:** *Ĉu eblas enirigi grafikaĵojn? Ekzemple transigi ilin el „korelo" en vian Ĉapelilon?*

**Pejno:** Tiu versio de Ĉapelilo subtenas la enŝovon de bitaĵaj grafikaĵoj. Oni povas enŝovi la formatojn BMP, PCX, GIF, TIF, TGA kaj WMF. Aldone mi menciu, ke ĝuste per Korelo oni povas desegni ekzemple iun Esperantemblemon kaj eksporti ĝin en iun el niaj tiparoj. Tiukaze vi povos poste entajpi ĝin per la klavaro kiel normalan literon kaj ne eĉ devos funkciigi la menueron por la enŝovo de bildo.

**Demando:** *Mi mem faras amason da tajp-eraroj; por mia pollingva tekstoprilaborilo, samkiel por la angla, mi havas aŭtomatan ortografikontrolilon. Kiel vi solvis la problemon en Ĉapelilo? Kaj se vi solvis ĝin, kian valoron ĝi havas?*

**Pejno:** La ortografikontrolilo estas certe filea peco de la tuta programo. Ĝi eĉ superas la kontrolilojn profesie pretigitajn por vaste popoliĝintaj naciaj lingvoj. Fakte la kontrolilo posedas scion pri la lingvo Esperanto mem. Ekzemple kontrolante vian tekston, ĝi ekkonas la vortojn „ami, amas, amis, amos, amus" kaj „amu" kaj reduktas ĉiujn el ili al la infinitivo „ami". Tio okazas, antaŭ ol konsulti la vortaron. En la vortaro mem estas nur la formo „ami", ĝi uziĝas tamen por kontroli 6 diversajn fleksiojn. Similaĵo okazas ĉe la ekkono de substantivoj, adjektivoj kaj adverboj. Se nun iu vorto ne estas trovata en la vortaro, la kontrolilo anoncvas sin kaj demandas al vi, ĉu temas pri tajperaro aŭ eble pri nova vorto registrinda? Se vi decidas, ke estas tajperaro, la kontrolilo kapablas fari proponojn pri la ĝusta vorto. Se estas nova vorto, vi povas registri ĝin. Kio tamen okazas, tio estas tre komplika afero. Fakte la Ĉapelila kontrolilo aŭtomate generas abundon da kromformoj de la enigenda vorto. La uzanto registras konscie nur unu vorton, iufoje tamen, ekzemple eĉ transitivan verbon. Ĉapelilo fakte registros kvindekon da vortoj kaj per tiuj poste ekkonos kelkajn centojn. Pro tio mi diris, ke la literumadkontrolilo superas tiujn de aliaj produktoj por aliaj lingvoj.

**Pettyn:** *Mi dankas vin pro viaj ampleksaj klarigoj kaj informoj*

*kaj mi forte esperas, ke via tekstoprilaborilo pliagrabligos la eksteran aspekton de niaj E-movadaj presaĵoj, invitiloj, informiloj, gazetoj, en kelkaj kazoj ĝi kaŭzos, ke produktataj de ni E-bultenoj fariĝos tute belaj.*

☆☆☆

**IĴ faris al Pejno pliajn demandojn pri afero precipe grava por gazet-redaktoroj:**

**Demando:** *Unu el la problemoj de E-ĵurnalistoj kaj redaktoroj estas la vortdividaj programoj de l' ordinaraj tekstoprilaboriloj, kiuj ofte ne konvenas por silaboj en la lingvo internacia. En freŝa numero de „Sennaciulo" ekzemple mi trovis jenajn vortdividojn:*

*„ma-laltega",*

*„mons-pekulado" kaj*

*„kruze-jrojn".*

*En la (germanlingva) programo uzata por IĴ mi frontas ekzemple la problemon, ke obstine ĝi disŝiras pluralajn akuzativajn finaĵojn laŭ la modelo „formato-jn". Kia estas la vortdividado en Ĉapelilo?*

**Pejno:** La debuta versio de Ĉapelilo – jen 1.0 – permesas nur permanan vortdividadon. Tio signifas, ke ĉiu devas meti siajn streketojn mem. Ni havis kelkajn problemojn ĉe niaj komponantaĵoj, kiuj iom obstinis rilate al la divida meĥanismo.

**Demando:** *Ĉu mi ĝuste komprenas, ke en posta versio troviĝos divid-programo?*

**Pejno:** Intertempe ni estas solvintaj tiun problemeton kaj la principe necesa meĥanismo jam funkcias. Fakte ni laboras tiumomente ĝuste pri tiu divida funkcio. Ni planas baldaŭ liveri Ĉapelilon 1.1. Tiu versio entenos dividilon kaj mi mem ĝuste cerbumas pri la plej rapida kaj efika algoritmo. Tio certe baziĝos sur mikso de silaba analizo kaj brika analizo. Principe ni kapablas laŭ ambaŭ metodoj dividi. La brika analizo tamen estas principe iom malrapida kaj liveras tro longajn atendotempojn al la uzanto. Tio speciale validas, se oni provizas pli ol 10 000 brikojn.

**Demando:** *Kio estas la brika analizo?*

**Pejno:** La brika principo signifas, ke oni dividu la vortojn laŭ iliaj gramatikaj radikoj, en silaba principo oni dividas la vortojn laŭ ilia silaba elparolo. Ekzemple la vorton „Esperanto" oni dividas laŭ brika principo Esper-ant-o, laŭ la silaba principo Es-pe-ran-to. Zamenhofo preferis dividi vortojn laŭ limoj inter iliaj gramatikaj komponantaĵoj. Aliaflanke ĉiu ajn alia metodo ŝajnis ĝenerale esti akceptebla kaj pro tio li ne inklinis leĝigi ion.

**Demando:** *Tamen, ĉar vortdivido precipe helpu en legado, kutimo en multaj lingvoj - kaj do prefere ankaŭ en Esperanto - estas dividi vortojn laŭ prononco, do laŭ silaba principo.*

**Pejno:** Ĝuste. En brika sistemo plian problemon estigas la grando de iu kaj iu gramatika briko. Ekzemple la vorto „tohuvabohuo", novepoke sufiĉe konata pro Kajta kanzono, ene de la Esperantbaza brikanalizo povas nur tute senutile ricevi dividstrekon rekte antaŭ ĝia fina „o". La eble plej taŭga kompromiso estus dividi brike, t. e. laŭ radikoj, kaj ene de la brikoj mem silabe. Por komputila programo jen sufiĉe komplika afero.

Mi ĵus esploras kaj desegnumas la aferon. La „korpo" de la dividilo estas jam muntita en Ĉapelilo kaj perfekte funkcias. Nur mankas ankoraŭ la enplantado de la „cerbo". Evidente mi volas liveri, same kiel la literumilon, absolute pintan kvaliton. Tion ni ja ŝuldas al la ĝisnune atingita renomo de Ĉapelilo.

**IĴ:** *Do multan sukceson en solvado de tiuj ĉi komplikaj problemoj - ni atendu Ĉapelilon 1.1! Centoj da ĵurnalistoj estos dankaj al vi, se fine komputilo perfekte dividas Esperanto-vortojn...*

RADIOFONIO

# AERA helpu en la etero

**Kial malaperis radioprogramoj en Esperanto, ekzemple de Svisa Radio kaj Radio Zagreb? Inter pluraj kialoj certe ankaŭ estis nesufiĉa subtenado flanke de ĝenerala E-movado; ankaŭ redaktoroj eble kulpis, ĉar ne regule kaj konstante ili varbis aŭskultantojn. Sed la lamentoj estis multaj, kiam ĉesis elsendoj.**

Por ke tio ne plu okazu, jen ekestis iniciato AERA.

Amikaro de Esperanto en RAdio celas kunigi la fortojn kaj helpemon de esperantlingvaj radioaŭskultantoj, serve al tiu grava kultura rimedo: RADIO.

AERA funkciigos plurajn servojn:

1) eldonado de konstante ĝisdatigitaj informiloj pri frekvencoj, horaroj, adresoj kaj priskriboj de radiostacioj kaj programoj (senditaj al membroj de AERA, al gazetoj kaj radio-stacioj);

2) diskonigo de la eblecoj, intereso kaj graveco de radio-aŭskultado kaj instigo al artikolado pri radio en gazetoj (ekz. per premio por verkinto);

3) helpo al esperantistaj organizaĵoj uzi la informservon de radio;

4) helpo al radio-stacioj kaj instigo al radio-redaktoroj kunlabori.

Por plenumi ĉi tiujn servojn bezonatas: sekretariaj kaj eldonadaj elspezoj (kiujn pagos la kotizoj); helpemaj kunlaborantoj (por informi pri siaj spertoj kiel aŭskultanto; zorgi pri dissendo de la informiloj; rilati kun stacioj, gazetoj, ktp.).

AERA funkcios kiel agadgrupo en

AERA
Amikaro de Esperanto en RAdio
sub aŭspicio de SIEK

OSIEK, Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj. Tiu asocio celas, krom organizi ĉiujare konferencon, kreadon de rimedoj serve al Esperanto-kulturo. De kvin jaroj, ĝia unua servo estis premio por fakaj verkoj esperantlingvaj, pagita pere de la kotizoj por la premio.

Amikaro de Esperanto en RAdio estos dua servo de OSIEK. Pere de la kotizoj por AERA, la kasisto de OSIEK pagos la elspezojn de aprobitaj kunlaborantoj de AERA, kaj, estonte, premiojn por plej bonaj artikolistoj pri radio, por radio-stacioj kaj radio-redaktoroj, ktp.

Jam pluraj Amikoj de Esperanto en RAdio ekkomencis kunlabori: Girolamo Lucchetta, Josef Lechermeier, Floréal Martorell, Marcelo Luiz Brasil, Bruno Malasa... Viaj aliĝo, sugestoj kaj helpo estas tre bonvenaj.

La kotizo estas egalvaloro de 25 poŝtmarkoj por plej ordinara letero en la lando de la membro. Plej simple estas pagi ĝin al UEA-konto osie-h. Adreso por aliĝi:

Bruno MASALA, AERA

2, rue des Vignes

F-57530 Coincy, Francio

☎ [33] 87766394

fakso [33] 87320300

---

**POLA RADIO**

## Pluraj novaĵoj

Sekvante ekzemplojn de E-gazetoj, Esperanto-Redakcio de Pola Radio por la unua fojo faras enketon, „por ekscii la preferojn de niaj aŭskultantoj kaj pli bone informiĝi pri la postuloj kaj atendoj“. Celo de l' enketo estas, kiel skribas redakciestro Andrzej Pettyn: „Tiamaniere ni volas plibonigi nian ĝeneralan programon.“

La enketo estas anonima, sed la redakcio lotumos objektajn premiojn inter tiuj, kiuj indikas nomon kaj adreson. Limdato por sendi la enketilon estas la 30a de junio 1995; rezultojn de la enketo do ni povos aperigi nur en la venonta numero de IĴ. Sed certe ja oni prezentos rezultojn dum la planata kunveno de radioaŭskultantoj en la UK en Tampereo.

La E-redakcio de Pola Radio, cetere, anoncis ke ĝia bulteno *Parolas Varsovio* ne plu aperas ĉiumonate, sed nur kvar fojojn jare. Kialo: „Ni devas ĉi-jare pli multe ŝpari, ĉar en Pollando ege kreskis la prezoj de afranko.” Pola Radio starigis komputilan adresaron de aŭskultantoj por pli facile dissendi la informilojn. Se iu ne ricevis nunjare la numeron 1, tio signifas, ke ŝi/li ankoraŭ ne troviĝas en la adresaro kaj se ŝi/li volas ricevadi la bultenon senpage kaj regule tuj sendu klarege skribitan adreson (kompreneble sian kaj eventuale de iu amiko, kiu same dezirus ricevi ĝin).

Pola Radio starigis krome adresaron de satelitaj aŭskultantoj; en ĝi nun troviĝas ĉ. 30 personoj. Pri satelita aŭskulteblo estas senpage ricevebla artikolo de Bruno Masala aperinta en *La Domo* kaj la pasintjare eldonita artikolo de Günther Becker.

Cetere, ni esperu ke la Esperanto-Redakcio de Pola Radio intertempe ne dronis – ni timas ion tian, ĉar sur la enket-formularo oni indikas „Varsovio, en marto 1995“ ...

---

**ALVOKO**

## *Survoje* devas halti survoje

**Kiam falis muroj de jarmiloj inter orienta Eŭropo kaj okcidento, ankaŭ esperantistoj povis esperi pri vigliĝanta kultura interŝanĝo inter la du antaŭe fermitaj sferoj. Efektive, estiĝis pluraj novaj revuoj en orienta Eŭropo; inter la sendube valoraj estis *Survoje*. Sed nun ĝi devis halti survoje...**

Ĝia redaktoro-eldonanto, TEĴA-membro Aleksandr Fedorov, dissendis cirkuleron, el kiu ni citas.

***

La lasta numero de *Survoje*, kiu reale aperis, estas n-ro 16 (decembro, 1993). Prespreta elprintaĵo de la n-ro 17 dum la tuta jaro 1994 kuŝis en mia skribotablo kaj plu kuŝas pro neeblo aperi presforme. La kialoj estas:

a) La ekonomia kolapso en Ukrainio, al kiu apartenas Krimeo kaj Sebastopolo, en kiu lasta mi eldonadis nian modestan gazeton. Kaŭze de la kolapso la tipografiaj kaj poŝtaj elspezoj pli ol kvinobliĝis kompare al tiuj en 1993 (kalkulante en okcidentaj valutoj). Sed tiuj minimumaj «teknikaj» elspezoj ja estas absolute necesaj por apero de revueto.

b) Malgraŭ la menciita ekonomia kolapso, *Survoje* povus ankaŭ plu aperadi en poŝtkestoj de niaj kolegoj, se la nemultaj abonsumoj de niaj okcidentaj kolegoj kaj abonantoj ĝustatempe trafus la manojn de la redaktoro-eldonanto. Ve! Plu ekzistas transpagaj problemoj inter Okcidento kaj Ukrainio. →

## Reago al murdo

Ni, ruslandaj membroj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) esprimas maltrankvilon konekse kun murdoj de ĵurnalistoj, okazantaj en nia lando lastatempe, kaj speciale pro la murdo de la popolara televidĵurnalisto Vladislav Listjev. Kiel esperantistoj, ni ĉiam pledas por kiel eble plej libera komunikado, kaj premon al la ĵurnalistoj, kies plej ekstrema formo estas la fizika forigo, de kia ajn flanko ĝi venu – krimaj grupoj, registaro aŭ armeo – ni konsideras atenco kontraŭ la libera gazetaro kaj, sekve, kontraŭ demokratia ordo.

*Mikaelo Ĉertilov*

*Halina Gorecka*

*Nikolao Gudskov*

*Viktor Kulakov*

*Nikolao Stepanov*

(La supra deklaro – en rusa lingvo – estis dissendita al amas-komunikiloj. Estas nur ses subskriboj, ĉar oni devis kolekti ilin dum unu tago.)

c) Inter eraroj de la eldonanto listiĝas ankaŭ strategia financa miskalkulo koncerne abonantojn el Ukrainio, Rusio kaj ceteraj sendependiĝintaj ŝtatoj de eksa Sovetio. Fakte, la eldonanto kalkulis nur je okcidentaj abonoj por kovri la eldonelspezojn, tial – preskaŭ ne zorgis pri disvastigo de *Survoje* inter esperantistaro en tiu regiono. Tiel, nekonforme malalta abonprezo kaj malmulta abonantaro en eksSovetio (mono, kiun la eldonanto ja povis ricevadi) unuflanke, kaj nericevo de okcidentaj abonsumoj aliflanke, rezultis, ke la redaktoro-eldonanto financadis eldonon de ĉiu numero el la propra poŝo. Neeviteble devis alveni la tago, kiam tiu poŝo krevus. Ĝi krevis.

**Intelekta subteno**

*Fedorov en la cirkulero prezentas plurajn rimedojn por savi la gazeton kaj anoncas „ne fiaskon, sed paŭzon en eldonado“ ĝis januaro 1996. Inter la rimedoj estas jena lia plano:*

4. Sed ne tiom pri mono en okcidentaj valutoj temas, kiom pri via intelekta subteno. La aŭtoro de tiuj ĉi linioj havas profesian eblon decide influi enhavon de ruslingva semajna ĵurnalo, havanta disvastiĝon tra Krimeo kaj 10.000-an eldonkvanton. Mi intencas altiri sur paĝojn de la ĵurnalo ĝis 70 % de materialoj tradukitaj el Esperanto. Tiu projekto permesas:

a) montri al ni mem – ĉu kapablas esperantistaro ion diri reale *ne pri* Esperanto, *sed per* Esperanto. Mi kredas, ke jes. Lige al tio mi petas redaktorojn de E-revuoj kaj gazetoj plu sendi viajn eldonaĵojn al nia adreso kaj permesi tradukadon de elektitaj materialoj el Esperanto nacilingven. Ni promesas rekompenci per regula sendado de *Survoje* ek de ĝia renaskiĝo en 1996. Apartan peton mi havas ĉi-koncerne al nia intelektularo kaj ĵurnalistoj: viaj kontribuoj estas ja nesubtakseble tre gravaj por evoluigo de esperantismo tiamaniere – per kontribuo en Esperanto al nacilingva ĵurnalo.

**Eksperimento**

b) paralele – materialoj senditaj al mi en Esperanto kaj tradukotaj nacilingven dum 1995 kun publikigo en semajna nacilingva ĵurnalo konsistigos ankaŭ redakcian tekon de *Survoje* kaj nepre aperos esperantlingve sur ties paĝoj en 1996. Kompreneble la kondiĉoj de eldonpaŭzo kaj jara prokrasto inter elsendo kaj publikigo de la materialo determinas la enhavon de kontribuaĵo – ĝi devas esti ne portempa, ne lasta novaĵo el televida elsendo, sed kun iom daŭra valoro. Mi proponas rigardi tiun ĉi projekton kiel eksperimenton de esperantistaro elprovanta montri la praktikan valoron de Esperanto kaj esperantismo ekster la kadroj de *l' rondo familia.* Miavice, mi promesas regule raporti pri evoluo de tiu eksperimento sur paĝoj de E-gazetaro.

**Aroga defio?**

c) kvankam tre modestaj, sed honorariaj monsumoj «ŝparitaj» el publikigoj en nacilingva ĵurnalo povus iri en fondusan kason por eldona renaskiĝo de *Survoje* en 1996. Temas do pri unu el solvoj de la transpaga problemo – estas sendata ne mono en formo de abonpago, sed intelekta produkto (laŭ mi ĉiam pli valora ol ajna mono).

Viaj kritikoj, sugestoj, konsiloj koncerne tradukeblajn nacilingven materialojn, verkojn, artikolojn, eble la materialoj mem estas tre bonvenaj. Kaj ĝenerale: ĉu ne estas tiu projekto tro aroga defio al esperantistaro, aŭ sablokonstruaĵo de troa idealisto? Kion vi opinias?

Aleksandr Fedorov

redaktoro-eldonanto de *Survoje*

pk 168

UA-335057 Sebastopolo-57

Krimeo

---

GAZET-PORTRETO

# Eta, sed vere modela

*La Eta Gazeto* estas organo de la urba esperantista grupo de Triesto, unu el la plej fruaj Esperanto-organizaĵoj en Italio. Kiel loka klubo ĝi ekestis en 1906 kaj funkciis senintercompe, krom dum la faŝisma periodo, kiam ĝia agado estis ĉesigita. Post la dua mondmilito la Triesta Esperanto-Asocio denove vigle aktivis kaj organizis landajn kongresojn kaj, pro la landlima situo de la urbo, renkontiĝojn kun esperantistoj en najbaraj landoj. Ekde 1989 la asocio aranĝas ĉiujare Alp-Adrian Konferencon por pritrakti politikajn, sociajn, ekonomiajn kaj kulturajn temojn celantajn interkompreniĝon, kunlaboron, solidarecon kaj pacon de la loĝantoj en urboj apartenantaj al la regiono Alp-Adrio.

**Malgranda gazet-pakaĵo**

**plena de leginda havaĵo**

*La Eta Gazeto* estis fondita en 1989. Nuntempe ĝi estas komputere kompostita kaj presita en la sidejo de la asocio en formato A5,




*Ĝi certe gajnus premion, se tia ekzistus por lokaj bultenoj...*

kaj ĉiu numero havas 24 paĝojn. La titolo aperas en verda koloro sur kartona kovrilpaĝo, kaj ornamas ĝin kaj aliajn paĝojn perplumaj desegnaĵoj kaj ankaŭ elektronika grafiko. La gazeto estas ekspedita de la asocianoj dek du fojojn en la jaro kaj atingas abonantojn akurate komence de ĉiu monato.

La celoj de *La Eta Gazeto* estas informi pri klubaj programoj kaj iniciatoj, disvastigi la plej gravajn novaĵojn pri la Esperanto-komunumo inter triestanoj kaj lokaj instancoj, funkcii kiel kunligo inter la diversaj italaj kaj eŭropaj grupoj kun aparta atento al tiuj de la Alp-Adria Laborkomunumo, kaj ankaŭ evolugi konojn pri turismaj, kulturaj kaj sciencaj aspektoj de Triesto kaj ĝia regiono. Ĉi-rilate troviĝas en la gazeto artikoloj pri historiaj kaj artaj monumentoj en la urbo kaj biografiaj skizoj pri elstaraj triestanoj.

Kontribuantoj verkas en Esperanto kaj ankaŭ en la itala lingvo. La artikoloj en la itala kutime temas pri rilatoj de Esperanto kun neesperantistaj instancoj, informoj pri lingva diskriminacio en Eŭropo, pritraktoj de politikaj problemoj en la landoj de la Alp-Adria regiono, kaj Esperantaj novaĵoj havantaj intereson por la itala publiko, ekzemple la intervjuo kun Reinhard Selten, la ricevinto de Nobel-premio. En la itala estas ankaŭ recenzoj pri itallingvaj libroj. Tamen, la plej granda proporcio de la tekstoj estas en Esperanto.

**Funkcio kiel regiona**

**interkomunikilo**

Kvankam prioritaton havas raportaĵoj pri agadoj de la triestaj esperantistoj, legantoj trovos novaĵojn ankaŭ pri aranĝaĵoj en aliaj italaj urboj, kaj de tempo al tempo paĝo estas dediĉita al la agadoj de Itala Esperantista Junularo. *La Eta Gazeto* efektive havas fenestron larĝe malfermitan al la ekstera mondo, do la redakcio volonte aperigas sur ĝiaj paĝoj informojn pri okazaĵoj en la najbaraj landoj, tiel farante ĝin interkomunikilo de vasta regiono. Pro sia geografia situo, historio kaj kulturo, Triesto estis kaj daŭre volas esti la pordo al orienteŭropaj landoj, do estas komprenebla la regula aperigo de la monataj programoj de la Esperanto-kluboj en Rijeka kaj Ljubljana, kaj sciigoj pri kulturaj kaj turismaj eventoj en aliaj urboj transe de la itala landlimo en Slovenio, Kroatio, Aŭstrio kaj ankaŭ Hungario. Troviĝas, krome, proponoj partopreni en Esperanto-kursoj en la menciitaj landoj.

**Specialaj iniciatoj**

**- kaj io por ĉiu**

Konforme al la Alp-Adria agadprogramo, ricevas spacon sur la paĝoj de la gazeto informoj pri unu el la iniciatoj de la Triesta Esperanto-Asocio: Esperanta Komerca Agado (EKA). Temas pri tut-eŭropa ekonomia kunlaboro en la sfero de etkomerco. Publikigitaj estas anoncoj pri entreprenaj ofertoj kaj demandoj, trejnado de malgrandaj entreprenistoj kaj kunordado de translima komercado.

Ekzemplo de kunlaborado sur scienca tereno estas la raportoj pri komunaj esploroj de triestaj mikologoj kaj kolegoj en Slovakio, Slovenio kaj Kroatio en la lukto kontraŭ veneniĝo de fungoj.

Estas evidente, ke *La Eta Gazeto* havas ion por ĉiu. Aldone al la jam menciitaj eroj, estas ankaŭ filatela paĝo, lingva angulo, librorecenzoj, kaj priskriboj de gastronomiaj specialaĵoj de Triesto. Por distri sin legantoj trovos krucvort-enigmojn, kvizojn kaj humurajn desegnaĵojn.

**Konkludo**

Artikolo titolita „Sep kandeloj“ en la numero de aprilo 1995 memorigas legantojn, ke *La Eta Gazeto* ekaperis antaŭ sep jaroj. Farante bilancon, la redakcio atentigas, ke manke de monata Esperanto-periodaĵo funkcianta kiel organo de la landa asocio, aliaj Esperanto-rondoj, kun kelkaj esceptoj, profitas de la eblo aperigadi siajn anoncojn en la gazeto, kaj same agas aŭ pli bone malagas kluboj en la Alp-Adria regiono. Valoras citi la prezenton de la principoj de tiu ĉi *eta* gazeto, kiuj montras, ke la redakcia politiko, male, havas *grandan* perspektivon.

„La principoj de la gazeto estas klaraj. Ni tute ne volas konkurenci kun la "grandaj" Esperanto-ĵurnaloj; ni agas en difinita kaj limigita areo, produktas la bultenon memstare por havi eblecon aperigi plej aktualajn, lastminutajn informojn antaŭ ĝia monatfina presado. Observinda sindevigo de la redakcianoj estas akurateco en la aperigado kaj freŝeco de la artikoloj. Ĝi estas esence inform-organo kaj prefere diskonigas ion rilate okazontajn eventojn pli ol okazintajn. Pri tiuj lastaj, eventuale oni donas koncizajn resumojn, evitante troigojn por ke legantoj mem eltiru siajn konkludojn. Mallongaj noveletoj, recenzoj, freŝdataj komentoj pri ajna temo, ktp. estas bonvena pliriĉigo de la gazeta enhavo.“ (paĝo 3)

Por pli da informoj pri *La Eta Gazeto* oni skribu al: Triesta Esperanto-Asocio, ESPERANTO, C. P. 601, IT-34100 Trieste Centro, Italio.

Bernard GOLDEN

---

**JUBILEO**

## Gratulu al TSKT

*Tutmondaj Sciencoj Kaj Teknikoj* (TSKT), fondita en aŭtuno 1985, jam trapasis dek jarojn. Por ke tiu ĉi gazeto en la lingvoj ĉina kaj Esperanto pli bone servu al la interfluo de mondaj scienco kaj tekniko, ekonomia kaj komerca kunlaboro, kaj faru novan kontribuon por akceli pacon, amikecon kaj progreson de la homaro, Sciencista-Teknikista Essperanto-Asocio en Ĉina Akademio de Sciencoj kaj redakcio de TSKT decidis, okazigi memorkunvenon la 15an de oktobro ĉi-jare por la dekjariĝo de la gazeto, kaj aldonos specialan ekzempleron Famaj Sciencaj kaj Teknikaj Entreprenoj. Bonvenaj estas petoj pri publikigo de propaganda artikolo kaj reklamo, kaj ankaŭ publikrilataj paĝoj kaj rubrikoj. Bonvole sendu gratulajn epigrafojn kaj mesaĝojn, kaj partoprenu en la celebrado.

Kontakta adreso: Sciencista-Teknikista Esperanto-Asocio en Ĉina Akademio de Sciencoj, N-ro 52, Sanlihe, Beijing 100864, Ĉinio.

SHEN Chengru




*Ĵurnaloj / mil loĝantoj*

*grafikaĵoj A. Darmon Unesko*

DISTRIBUO DE AMAS-KOMUNIKILOJ TUTMONDE

# Konstanta, sed tre malegala kreskado

**Homoj nuntempe disponas tutmonde pri pli multaj ĵurnaloj, radio-riceviloj kaj televidiloj ol iam ajn; tamen la abismo inter landoj de l' norda hemisfero kaj tiuj de la suda estas ankoraŭ giganta. Tio koncernas aparte Afrikon, kvankam tie - ironie - la kresko estis precipe granda.**

En 1965 tutmonde ekzistis 7300 ĵurnaloj (taggazetoj) kun totala eldonkvanto de pli ol 330 milionoj. En 1988 estis 9100 gazetoj, kiuj aperis ĉiutage, kaj la eldonkvanto atingis 530 milionojn. Preskaŭ la tuta kresko okazis en evolulandoj; en industrilandoj la nombro de gazetoj falis inter 1965 kaj 1988 je ĉ. 2800. Tamen, kiel montras la figuro, gazetoj aperas precipe en evoluintaj landoj: preskaŭ 80 elcentoj de l' monda eldonkvanto kaj pli ol 55 elcentoj de l' titoloj. Kontraste en Afriko estis nur unu elcento de la monda eldonkvanto, sama cifero kiel en 1965.

En la figuro ne troviĝas periodaĵoj, kiuj aperas ne ĉiutage. Ties nombro (titoloj) kreskis de 1965 ĝis fine de l' 80aj jaroj de 28 000 (eldonkvanto 190 milionoj) al 36 000 (eldonkvanto 340 milionoj).

Tamen oni atentu, ke en evolulandoj pli multe ol en aliaj unuopan ekzempleron de ĵurnalo legas pli ol unu homo. Tial la ciferoj ne povas ekzakte indiki la situacion.

**Kreskego ĉe radio**

La nombro de homoj posedantoj radio-ricevilon dum la pasintaj 20 jaroj draste kreskis, tutmonde. Tamen ankaŭ ĉi-rilate la figuro montras grandan abismon inter industrilandoj, kie nun ĉiu homo posedas radio-ricevilon, kaj evolulandoj, kie malpli ol 20 elcentoj havas tian aparaton. En Afriko kaj Azio la nombro inter 1970 kaj 1992




*Radioriceviloj / mil loĝantoj*



*Televidiloj / mil loĝantoj*

kvar-obliĝis. Komuna aŭskultado estas ĝenerale praktikata, tiel ke ankaŭ pri radioj la ciferoj ne donas veran komparon; sed en Afriko kaj Azio ankoraŭ ekzistas malpli multaj riceviloj ol ie ajn en la cetera mondo.

**Televido: ioma kresko**

Simile kiel ĉe radio, ankaŭ kreskis la nombro de homoj, kiuj posedas televidilon. En Afriko ekzemple la nombro/mil loĝantoj sesobliĝis inter 1975 kaj 1992, en aliaj evolulandoj la nombro triobliĝis. Ofte en tiuj regionoj unu aparato servas al pluraj familioj aŭ kompleta vilaĝo. Sed la abismo inter ili kaj industrilandoj restas giganta. En Usono ekzemple, kiu ne aperas aparte en la figuro, el 1000 loĝantoj 800 posedas propran televidilon.

Unesko

---

**LITERATURA ESPERANTO-GAZETARO**

# Konkurenco aŭ ne?

**Disputoj kaj kvereloj inter esperantistoj ne estas maloftaj; sed nekutime estas, ke eldonisto de unu gazeto atakas alian periodajon. Tiel tamen agis Gersi Bays, eldonisto de literatura revuo *Fonto* en Brazilo.**

Evidente agacis lin eldiro de Giorgio Silfer en intervjuo de *Esperanto* de UEA (decembro 1994). Al la demando, ĉu li perceptas konkurencon de aliaj kulturaj E-revuoj, Silfer respondis:

„Bedaŭrinde ne. Post la ĉeso de *Hungara Vivo* ni ne vidas veran konkurencon al *LF.* Certagrade, pro la ĵusa aborto de *Norda Prismo* kvara kaj la persista miskontinueco de *Fonto*, la panoramo ŝajnas eĉ pli senkonkurenca ol antaŭ dek jaroj."

**Repliko**

En numeroj 171 kaj 172 de *Fonto* (marto kaj aprilo, alvenintaj kune en la redaktejo de IĴ meze de marto) Bays skribis i. a.:

„Ĉiujn artojn mi ege amas, neniun mi produktas! Do mi ne konkurencos. Tamen foje oni devigas min al respondoj kaj informoj, eĉ nevole.

EVA, TEĴA, PEN... Verkista, ĵurnalista, PEN... Kial verkistoj havas tiom da asocioj, se eĉ unu ne bone funkcias! Se neniu esperantisto vivtenas sin kiel verkisto, do neniu povas esti membro de PEN-klubo, ĉu ne? Bela mensogo! (Saluton, Silfer, kaj dankon pro la sprono!)

Kaj kial tiom da literaturaj revuoj? (krom literaturaj paĝoj, anguloj en ĉiuj aliaj revuoj?) Kiam naskiĝis *Fonto*, antaŭuloj estis mortintaj: *Literatura Mondo, la nica literatura revuo, Norda Prismo, Monda Kulturo*, kaj *Literatura Foiro* estis tajpitaĵo (memoru, kara Silfer, ke *mi* kompostis la unuan *kompostitan* numeron de via *senkonkurenca* [dankon pro la sprono!] *Literatura Foiro*, post la naskiĝo de *Fonto*.

Gratulojn pro la 25-jara vivo, kaj pro numero 150 de *Literatura Foiro*, kolego Silfer. (Bedaŭrinde, *Fonto* forgesis peti viajn omaĝajn salutojn okaze de nia numero 150). Ĉi tiu numero, la marta de 1995, estas nur la 171a kaj komence de nia 15a jaro. Se ni eltenos 25 jarojn, kiun numeron ni festos tiam? *Senkonkurence*! vi ripetos, ĉu? Dankon!

Se mi vivus en unua-monda eŭropa lando, sen ekonomiaj krizoj kaj sen poŝtaj (internaciaj) kostoj kaj problemoj... mi ne estus spertinta kelkajn (tri-kvar) neakuratajn mo-

---

*Unu (Literatura Foiro) el Svislando, alia el Brazilo. Cetere, prauloj de eldonanto de Fonto, Gersi Bays, vivis en Svislando.*

LITE... FOIRO
Fonto
...peranto
...speranta PEN-centro

natojn [kio ne rajtigas vin uzi la mensogajn vortojn *persista miskontinueco*!] kaj tiam mi eldonus revuon duonmonatan! Kaj se mi havus 1200 abonantojn, tiam mia revuo estus *semajna* kaj *kolor-ilustrita*! Kara Silfer, eĉ tiam vi dirus, ke *LF* estas *senkonkurenca*.

Sed diable, kial vi ne citis viajn aliajn (jes, ja, evidente senkonkurencajn!) kolegojn *La Gazeto*, *La Kancerkliniko*, *Riveroj*, *Iltis-Forumo* ..."

Kio estas akurata?

Bays ankaŭ diskutas la demandon pri akurateco, certe pro la kritiko pri „miskontinueco" de Silfer:

„La januaran kaj februaran numerojn ni ekspedis aere, do vi ricevis ilin meze de marto. Se ni ekspedus la revuojn januare, sed surface, per sistemo SAL, oni neniam scias, kiam la revuoj atingas la abonantojn: ĉar, se bonŝance, ili flugas aere, se malbonŝance, ili surface testudas dum normale 3 monatoj!!! Do, kio estas akurata aperado de revuo: ĉu validas la dato de ekspedo aŭ la dato de ricevo? Por solvi ĉi tiun problemon ni alvenis al la konkludo: havi unuuran abonsistemon: ekspedado aera. Evidente, ĉar nia revuo *ĉiam* estis deficita, ni devos venontjare plialtigi la abonkoston al 26 dolaroj (tio neniel solvos nian deficiton, negrave!)."

[Rim. de la red. de IĴ: Jarkolekto de *Fonto*, 12 numeroj kun 36 paĝoj = 432 paĝoj en 1995 kostas 20 dolarojn. *Literatura Foiro* samformata kun 336 paĝoj kostas en 1995 por brazilaj legantoj 42 svisajn frankojn = ĉ. 35 usonajn dolarojn.]

Por TEĴA la demando de Bays pri la diversaj organizaĵoj estas aparte interesa. En TEĴA membras ankaŭ kelkaj EVA-anoj. Certe verkisto povas esti ankaŭ ĵurnalisto (aŭ inverse), relative ofte verkistoj estas ankaŭ redaktoroj. Tamen interesoj de (nuraj) verkistoj ofte estas diferencaj disde tiuj de ĵurnalistoj, sed parte ankaŭ kongruaj aŭ similaj. Oni eble povus demandi sin, ĉu estus prudente havi komunan organizaĵon kun sekcioj. Kion opinias niaj membroj, precipe tiuj kiuj estas EVA-anoj? PEN sendube estas aparta afero.

# Kiel fari intervjuon

**„Esperanto en la etero" kaj „Fari intervjuon kun sukceso" estis ĉeftemoj de la 44a Kultura Semajnfino de Sarlanda Esperanto-Ligo, kiu okazis de la 9a ĝis 11a de decembro 1994 en Homburgo (Sarlando, Germanio) kun tre riĉa kultura-instrua programo kaj partopreno de pli ol 100 gesamideanoj el 9 landoj. Krome okazis la 2a Internacia Renkontiĝo de Satelitaj Radioaŭskultantoj.**

Ĉefpreleganto kaj gvidanto de la seminario estis redaktoro Andreo Pettyn el la E-Redakcio de Pola Radio. Li prezentis la 35jaran historion de la E-elsendoj de Pola Radio kun ilustra aŭdigado de specimenaj sonmaterialoj el ĝia arkivo. Inter la historiaj sondokumentoj estis ekz. la momento de la voĉdonado pri la akcepto de la fame konata Unesko-rezolucio en Montevideo en 1954, parol-fragmentoj de aŭstra prezidanto Franz Jonas, profesoro Ivo Lapenna k. a. Aliaj materialoj estis diverskampa utiligado de Esperanto, i. a. por kultura interŝanĝo.

En la seminario pri intervjuoj Pettyn unue citis difinon de intervjuo el PIV, kiun la partoprenantoj opiniis tute neakceptebla. Oni proponis tute alian kaj sekve Pettyn prezentis tipajn formojn de intervjuoj depende de la celoj kaj la tuton interplektis per kelkaj anekdotoj koncernantaj esperantistojn kaj radiolaboron.

**Lertaj intervjuantoj**

Sekvis praktika aplikado de la temo per surbendigo de kvin intervjuoj: pri la Eŭropa Kongreso en Parizo (junio 1995), Osiek-95 en Varsovio, TAKE kiel interesa ekzemplo de surmerkatikado de Esperanto kaj novspeca praktika aplikado, lingvaj demandoj en eŭropaj institucioj kaj lernado de fremdaj lingvoj en la epoko de la satelitoj. Evidentiĝis, ke inter esperantistoj ni havas multajn talentajn intervjuantojn, ĉar ĉiuj surbendigitaj temoj estas perfekte taŭgaj por aŭdigo en Pola Radio.

**CENZUR-PROBLEMO**

**Dum la 44a Kultura Semajnfino de Sarlanda E-Ligo redaktoro A. Pettyn rakontis jenan anekdoton ligitan kun la fame konata hungara blinda pianisto Imre Ungar:**

En 1947 Imre Ungar vizitis Varsovion por doni kelkajn Chopin-koncertojn, ĉar li estis specialisto pri Chopin kaj en 1932 eĉ gajnis la duan premion en la Internacia Pianista Chopin-koncerto en Varsovio. Varsoviaj esperantistoj Tadeusz Pleskaczyński kaj Isaj Dratwer, kiuj estis prilaborantaj la tiamajn unufoje semajne aŭdigatajn E-elsendojn, invitis lin en la studion de Pola Radio por fari intervjuon. Ungar volonte konsentis, sed kiam li venis, cenzuristo, kiu kontrolis la E-elsendojn, demandis:

„Bone, sed kie estas la teksto de la intervjuo?"

„Ni ne havas!" – respondis Dratwer – „Ja li estas blindulo!"

„Ne gravas! Se vi ne havas tekston por mi, la intervjuo ne okazos" – respondis severvoĉe la cenzuristo, kaj la intervjuo ne okazis.

Pasis unu semajno kaj denove en la studion de Pola Radio venis la samaj personoj kun la hungara gasto. Kaj hazarde la sama cenzuristo renkontis ilin kaj tuj diras reage al la propono de intervjuo:

„Se vi ne havas tekston..."

„Ni havas!" – interrompis Imre Ungar germanlingve, kaj li enmanigis al la cenzuristo ... brajlan tekston de la intervjuo!

La rolon de radioredaktoroj bonege ludis B. Moon, B. Masala, S. Pejno, H. D. Maas kaj G. Becker. Pli poste montriĝis, ke same perfekta intervjuanto estas Oliver Walz, la nova prezidanto de Sarlanda E-Ligo, kiu faris duonhoran intervjuon pri Esperanto en radio – kiel ekzemplo de la praktika funkciado de la lingvo internacia por aŭdigo kadre de loka televido „Malfermita Kanalo" en Zweibrücken [Cvajbriken]. Tiu ĉi televida stacio dum la tuta semajno antaŭanta la 44an Kulturan Semajnfinon prezentis E-temajn filmojn ligitajn kun Pollando aŭ kun Pola Radio aŭ kun UKoj.

**Miniatura UK**

Kion diri pri la tuto? Mi nomus tion miniatura universala kongreso semajnfina, ĉar estis prelegoj, ekskurso al kristnaska bazaro, katolika meso en Esperanto bonege celebrita kaj bele muzike ornamita, diversgradaj kursoj, vigla diskutado pri MAZI-projekto kaj spektado de filmo pri muntado de satelita anteno sur la domo de G. Becker kaj lingvoludoj kun infanoj.

Resume: tre varia programo, gratulinde kunmetita kaj bone gvidata. Fine necesas substreki, ke multaj personoj konvinkiĝis, ke satelita radioaŭskultado jam estas fakto, samkiel fakto fariĝis nun kolora televido, kaj indas ŝpari iom da mono por havigi al si bonkvalitan ricevadon per satelita aparato, kiu cetere ne estas tre multekosta. Restas esperi, ke Vatikanon kaj Varsovion sekvos en la persatelita aŭdigado Romo, Vieno, Pekino.

Andrzej PETTYN

# Kvizo pri engaĝita esperantisto-ĵurnalisto



*Pluraj Esperantaj periodaĵoj havas, krom seriozaj artikoloj pri fakaj temoj kaj literaturaĵoj, ankaŭ pli leĝerajn pecojn kiel ekzemple anekdotojn kaj ŝercojn, krucvortenigmojn kaj ankaŭ kvizojn (vidu gloson p. 12). Ĉi lasta speco de distraĵoj povas havi didaktikan celon, se ĝiaj demandoj temas pri movadhistoriaj aferoj aŭ beletraĵoj. Mi proponas por IĴ kvizon konsistantan el 10 informoj pri tre bone konata esperantisto, kiu dum diversaj periodoj de sia vivo laboris kiel profesia ĵurnalisto. Kiom da demand-informoj vi bezonas, antaŭ ol vi sukcesos malkovri lian identecon?*

1. Dum ses jardekoj, de 1903, kiam li esperantistiĝis, ĝis sia morto en 1962, li ne nur atingis eminentecon en la internacia Esperanto-movado, sed samtempe ludis gravajn rolojn ekster Esperantujo. Kiel studento, ĵurnalisto, interpretisto, internacia funkciulo, verkisto, redaktoro kaj universitata profesoro, li partoprenis en tre gravaj eventoj en la kultura kaj politika vivo en Eŭropo antaŭ kaj post la unua mondmilito. Okaze de siaj vojaĝoj eksterlanden, li konatiĝis kun famaj kaj influhavaj homoj ankaŭ en Anglio, Ameriko kaj Hindio.

2. Kiel 15jara gimnazia studento, li eklernis Esperanton kaj debutis kiel ĵurnalisto, redaktante kaj eldonante *Juna Esperantisto*, revueton

## FAME serĉas kandidatojn por Esperanto-Kulturpremio

FAME-fondaĵo por stimulado de internaciaj kompreniloj distingas personojn kaj instituciojn per sia prestiĝa Esperanto-Kulturpremio de 10 000 germanaj markoj, plej alta premiosumo en Esperantujo. Proponi kandidatojn por tiu ĉi premio rajtas ĉiu ajn, ankaŭ memproponoj eblas. Kun la propono oni sendu argumentojn kaj eventuale dokumentojn, kiuj povas pruvi ke kandidato meritas atribuon de l' premio laŭ la koncernaj kriterioj.

Laŭ la statuto povas ricevi ĝin personoj, organizaĵoj kaj institucioj, kiuj

- dum konsiderinde longa tempo
- gajnis meritojn pro stimulado de internaciaj kompreniloj
- en la kadro de la statutaj celoj de FAME-fondaĵo
- per kreado, verkado, utiligo aŭ disvastigo de kulturaj verkoj.

La premion FAME kreis kunlabore kun la germana urbo Aalen, kie troviĝas la Germana Esperanto-Biblioteko. La transdono okazas dum solena matineo en Aalen. FAME estonte en tiu urbo havos ankaŭ sian juran sidejon. La fondaĵo ne nur atribuas kultur-premion, sed subtenas projektojn konformajn al la statutaj celoj; en la unuaj kvin jaroj de sia ekzisto FAME tiel subtenis jam pli ol 50 projektojn en 20 landoj per entute pli ol 80 000 germanaj markoj. La fondaĵo por tiuj celoj petas donacojn; se vi donas minimume 1000 markojn, vi fariĝas kunfondinto kun voĉdonrajto.

Kandidat-proponojn direktu al

FAME-prezidanto Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio.

Ĉe la sama adreso oni povas ankaŭ peti informilon pri FAME.



*Kiu estis tiu fama kolego?*

por la junularo. Ekde 1903 liaj unuaj artikoloj aperis en ĝi.

3. Post sia dua vojaĝo al Usono en 1913, li ekloĝis en Parizo por labori kiel verkisto kaj fariĝis kunlaboranto de *Le Journal de Genève* (Ĝenevo), *Daily News* (Londono) kaj *Le Temps* (Parizo).

4. Post la eksplodo de la unua mondmilito li reiris al sia hejmlando. Kiel civitano de neŭtrala lando li povis vojaĝi en Aŭstrio-Hungario kaj aliaj orienteŭropaj landoj. Jam kiel 26jarulo li estis konata kiel progresema ĵurnalisto kaj entreprenis kampanjon subtenantan la strebojn de la pola popolo al unuiĝo kaj sendependeco.

5. En 1915 li estis sendita de la influhava pariza ĵurnalo *Le Temps* al la Pola Reĝlando, tiam sub rusa regado. Li faris serion da raportaĵoj, kiuj estis poste publikigitaj broŝurforme kun la titolo *La Pologne sous la rafale* (Pollando sub la ekblovego) en 1915. En siaj skribaĵoj li traktis Pollandon favore, prezentante atestaĵojn pri persekutado fare de la cara reĝimo kontraŭ la pola popolo. Rezulte de tiu malkovro de la vera situacio en Pollando, la rusa ambasadoro en Parizo, Izvolski, intervenis kaj postulis, ke *Le Temps* ĉesigu publikigon de la raportaĵoj.

6. En 1916, kiam li informiĝis pri germanaj planoj rekruti soldatojn en la polaj teritorioj, li komencis gazetar-kampanjon, aperigante sub pluraj pseŭdonimoj serion da artikoloj en diverstendencaj ĵurnaloj. Tiuj artikoloj estis kolektitaj en alia broŝuro, *La Pologne attend* (Pollando atendas), publikigita en 1916. Li urĝis Francion kaj ĉiujn ŝtatojn de la Entento rekoni oficiale la rajton de Pollando je sendependeco, kaj mem estis la fondinto de la Ligo por la Restaŭro de Pollando. Tiucele li varbis dekojn da eminentaj francaj intelektuloj. Tamen, en Francio la severa cenzuro ne permesis al li daŭrigi sian agadon apoge al Pollando.

7. Post 1916 li sukcesis publikigi siajn raportaĵojn en neŭtrala lando en *Le Journal de Genève*, sed ili kreis reagon kontraŭ li, ĉar oni opiniis, ke li estas subtenanto de la Centraj Potencoj. Ankoraŭ unu fojon diplomatoj vizitis la redakcion por peti, ke ĝi ne favoru la projekton de sendependa Pola Ŝtato. Lia agado kiel ĵurnalisto sendube servis por emfazi la sopirojn al sendependeco ne nur de la poloj sed ankaŭ de ĉiuj aliaj popoloj vivantaj sub despotaj reĝimoj. En postaj jaroj li okupiĝis pri la politika situacio en koloniaj landoj.

8. De 1920 ĝis 1923 li estis la redaktoro de *Esperanto*, la organo de Universala Esperanto-Asocio.

9. En 1925 li pioniris en radioĵurnalismo, fondante kun la helpo de svislandaj esperantistoj Radio Genève, la radiostacio en Ĝenevo. Poste, kiam establiĝis la kurtonda sendejo en la svislanda ĉefurbo, li preparis serion da 55 prelegoj, brodkastitaj ĉiusemajne de majo 1961 ĝis junio 1962. Ili aperis libroforme en *Aventuroj de Pioniro*, eldonita de Stafeto en 1962.

10. Dum la periodo 1940 - 1945 li fariĝis redaktoro de *L'Essor* (La Ekflugo aŭ Libera Progresado), prestiĝa franclingva revuo en Svislando, kiu estis absolute sendependa. En ĝi li informis la legantojn pri Esperanto.

Bernard GOLDEN

***Respondon vi trovos en la venonta numero de IĴ.***

---

Gloso: *kvizo* (A. quiz [kŭiz] „demandaro") – Kun la usonangla signifo, tiu ĉi vorto eniris la leksikon de pluraj etnolingvoj, jen sen asimilado kiel germana *Quiz*, jen fonetike asimilita kiel hungara *kvíz*. La primara signifo estas demandaro, en lernejoj mallonga buŝa aŭ skriba ekzameno. Tre ofte kvizo estas testo pri ĝeneralaj scioj, kutime en la kadro de konkurso. Kvizoj ofte aperas en periodaĵoj, kaj tre popularaj estas radiaj kaj televidaj kviz-programoj. Okaze de esperantistaj aranĝoj, kvizoj temas pri la historio de la movado aŭ la literaturo.

---

# LINGVO

- ***Problemoj***
- ***Demandoj***
- ***Konsiloj***

## Antaŭlastaj vortoj pri la neologismo *lobio*

**Pli da precizigo estas bezonata**

Responde al mia artikolo „La ĝusta signifo kaj uzo de la neologismo *lobio*" (IĴ 2/95, p. 13 - 14), redaktoro Maul proponas kiel difinon de la koncerna vorto „oficiala premgrupo en parlamentoj de Britio kaj Usono" (p. 14). Tiu difino ne estas kompleta, ĉar *lobio* nuntempe estas uzata fare de esperantistoj en kuntekstoj, kiuj temas nek pri oficiala premgrupo nek pri la brita aŭ usona parlamento.

**Atestaĵoj pri pli vasta uzebleco de *lobio***

Lastatempe trafis en miajn manojn la aprila-junia (1995) numero de *tejo tutmonde*, la organo de la esperantista junular-organizaĵo TEJO. Sur p. 3 la redaktoro, Kalle Kniivilä, enkondukas artikolon titolitan „Letero el Sarajevo" per jenaj vortoj: „S-ro Ĉoliĉ proponas transiron de hobiado al lobiado." Jen kiel Senad Ĉoliĉ el Bosnio klarigas sian proponon:

„... la Esperanto-komunumo devas definitive kaj radikale ŝanĝi sian rilaton al Esperanto el la objektiva stato de *hobio* al la socie multe pli grava kaj prestiĝa stato de *lobio* – influa, aktiva premgrupo" (p. 4).

En la sama numero de *tejo tutmonde* germanaj junuloj raportas pri organizaj ŝanĝoj en artikolo ti-

tolita „GEJ-Bonn mortis, vivu EJO!“ (GEJ = Germana Esperanto-Junularo; EJO = Eŭropa Junulara Esperanto-Oficejo):

„Tial TEJO nun havas la kapaciton ekserĉi subvenciojn de EU, informiĝi pri eblecoj financi seminariojn, publikaĵojn kaj aliajn projektojn kaj eklobii ĉe EU-instancoj ... Pro urĝeco de la taskoj rilate al EU-agado, la oficejo estis fondita en januaro 1995, kvankam la unuaj grandaj subvencioj por kiuj necesas lobii nun, povus alveni nur en 1997“ (p. 14).

Post uzo de la substantivo *lobio* en la kunteksto de eventoj en Bosnio kaj la verbo *lobii* en Germanio, venas ekzemplo de *lobie*, en adverba formo de la radiko. Temas pri lobiado en Danlando okaze de la sociala partopreno de TEJO en la kopenhaga Monda Pintkunveno de UN por Sociala Evoluo:

„Sed sciu vi ke ni ne nur persone tre ĝuis nian engaĝiĝon en la Konsultiĝo. Ni ankaŭ lobie agadis por TEJO...“ (p. 26).

Sen ombro de dubo la radiko *lobi-* estas survoje al enradikiĝo en Esperanto, do la plena difino devas inkludi, krom ĝia politika funkcio en landaj leĝofaraj institucioj, ankaŭ ĝian aplikon al aliaj formoj de organizita persvado por atingi specifajn celojn.

Bernard GOLDEN

---

METIEJO

*Ĵurnalistikaj aferoj*

# En tre bela ĵurnalisma vesto

Onidire *El Popola Ĉinio* havas ĉirkaŭ 40 geredaktorojn kaj kunlaborantojn. Ĉu ne devas mirigi, ke eĉ ne unu el ili estas membro de TEĴA? Imagu, se ili ĉiuj aliĝus – ili konsistigus kvaronon de nia totala membraro...

EPĈ estas mirinda laŭ multaj aspektoj; nun ĝi festis sian 45jaran jubileon – ankaŭ iomete mirige, ĉar en okcidento tiu ĉi cifero ne estas „ronda“ kaj do ne okazo por jubileo. Nu, ni kaptu la okazon, por iomete analizi la fenomenon EPĈ.

**Sen kompost-eraroj**

Kial ĝi estas mirinda kaj miriga? Jen kelkaj kriterioj:

- Estas preskaŭ nekredeble, ke spite al la konataj perturboj en la historio de Popol-Demokratio Ĉinio ĝi eltenis tiom longe.
- Post malapero de *El Suda Koreio* ĝi estas la sola E-revuo, kiu daŭre aperigas abunde kolorajn fotojn kaj bildojn.
- EPĈ ne havas kolofonon, nur la magran indikon MONATA GAZETO ELDONATA DE ĈINA ESPERANTO-LIGO.
- Kun 68 paĝoj riĉe ilustrita per kvarkoloraj fotoj EPĈ kostas nur 46 germanajn markojn. Por komparo: MONATO kun 32 paĝoj (kaj sen koloraj fotoj) kostas 66 markojn.
- Kontraste al plej multaj aliaj E-gazetoj, EPĈ praktike ne havas kompost-erarojn.
- La tipografia kaj grafika aspekto estas konservativa, sed plaĉa kaj klara.

En varbfolio pri Esperanto antaŭ pluraj jaroj mi donis al artikolo pri E-gazetoj la titolon „La plej bela venas el Ĉinio“ – kaj tiu juĝo validas ĝis hodiaŭ. Sendube EPĈ estas la plej bela kaj impona E-revuo kaj ĉiam tre bone impresas neesperantistojn. Pri la enhavo ili ja ne povas juĝi...

**Sen kritiko**

EPĈ certe estas produktata laŭ eksteraj ĵurnalismaj kriterioj, sed kiam temas pri ĵurnalismaj principoj, ni ne povas juĝi same pozitive. Inter tiuj principoj unu el la plej gravaj estas kritiko, pro kio en demokrataj ŝtatoj ofte oni nomas amaskomunikilojn la „kvara povo“. Vane vi serĉos en EPĈ kritikon pri aferoj kaj problemoj en la lando; kiam temas pri mankoj kaj problemoj, ili estas aŭ forigataj aŭ jam solvitaj. Tiel en freŝa numero

**Kosto de televida minuto**

Ekzemploj laŭ sekcioj - unua germana kanalo (ARD) en 1993

sumoj en germanaj markoj

| | |
|---|---|
| tv-filmo | 16 558 |
| distraĵo | 10 360 |
| sporto | 7486 |
| inform-bultenoj/ -magazinoj | 6914 |
| politikaj/socialaj magazinoj | 6452 |
| kinofilmo | 4470 |
| kulturo/scienco | 4371 |
| veter-prognozo | 2122 |

averaĝa kosto de minuto: 6593 markoj

*Precipe Francio insistas ene de Eŭropa Unio pri restrikto por usonaj kino- kaj televid-produktoj favore al pli ampleksa eŭropa produktado. Sed oni povas kompreni, ke pro la kostoj eŭropaj televizioj rezistas al tio. Kiel montras kalkuloj en Germanio, plej multekostaj estas memproduktitaj tv-filmoj. Kinofilmoj importitaj precipe el Usono kompare kostas nur ĉ. kvaronon!*




*La jubilea numero de EPĈ*

oni ekscias per artikolo pri plibeligo de l' ĉefurbo Pekino, ke tie medioprotektado dum jaroj ŝajne estis komplete neglektita.

Celo de EPĈ evidente estas, prezenti pozitivan bildon pri la giganta lando en ĉiuj facetoj. Oni konstante legas pri novaj inventoj, rekordoj, pozitivaj evoluoj, plibonigoj; neniam pri mankoj, problemoj, krizoj, krimoj, korupteco, konfliktoj – kiuj ja sen ia ajn dubo ekzistas ankaŭ en tiu lando.

Ĉu vi memoras la tiaman masakron sur la Placo de Ĉiela Paco? Kiom ni atendis klarigojn pri tiuj teruraj eventoj en EPĈ. Kion ni legis, tamen estis simple la oficiala registara versio. Entute ja politiko estas malofta temo de la gazeto. Detala artikolo pri ekonomia reformado klarigis la planatajn paŝojn, sed prisilentis problemojn kaj mankojn, kiuj necesigis reformadon, same kiel riskojn kiujn entenas tia reformado.

**Simpatia propagando**

Ĉu do EPĈ estas propaganda gazeto? En strikta senco ne, ĉar en ĝi ne aperas tio, kio precipe karakterizas fifamajn propagando-gazetojn: atakoj, kritikoj kaj kalumnioj direktitaj kontraŭ eksteraj „malamikoj". Ĉu ĝi estas cenzurata? Tion ni ne scias, sed estas klare ke la redakcio havas direktivojn kaj atentas ilin, do aplikas kvazaŭ internan cenzuron. Ĉu EPĈ estas senvalora? Tutcerte ne; ĝi estas simpatia propaganda gazeto, kiu multfacete informas pri tiuj grandegaj popolaro kaj lando per multaj interesaj artikoloj. Sed klare estas, ke tiu ĉi plej bela E-revuo aperas en ĵurnalisma vesto sen plenumi ĉiujn ĵurnalismajn principojn. La bildo, kiun ĝi desegnas pri la lando, do ne estas, ne povas esti kompleta.

La gekolegoj en Pekino havas multe pli malfacilajn taskojn ol la plej multaj aliaj E-redaktoroj, kiu libere kaj sen ia restrikto povas labori kaj verki. Ni do ne hezitu, postfeste gratuli al ili ankaŭ en la nomo de TEĴA!

Stefan MAUL

# LETEROJ

*Skribu al*

*Stefan Maul, Pferseer Str. 15*

*D-86150 Augsburg, Germanio*

## Forgesita

**Pri la enketo pri E-gazetoj skribas Claude ROUGET, redaktoro de VERDire:**

Ĵus leginte IĴ 1/95 (kiun mi ricevis post n-ro 2/95 ???), mi miris pro tio ke neniu premiis IĴ okaze de la enketo pri plej popularaj gazetoj. Strange, mi unue pensis, laŭ mia memoro mi mem menciiis IĴ kiel la plej bonan fakrevuon. Aŭ ĉu mi forgesis resendi la enketilon? Mi tuj fosis en la papera kaosego, kiu kuŝas sur mia skribtablo ... kaj jes, jen la enketilo! Ĝi jam ne plu validas por la statistiko, sed jes por via propra kontentiĝo.

Mi samtempe konstatas, ke mi ĝenerale pli severas ol miaj kolegoj, kaj eĉ surpriziĝis legi ke iu aŭdacis doni 10 poentojn por lingva nivelo de VERDire!

Bonvolu noti la novan poŝtadreson de VERDire: Postboks 559, N-9001 Tromsø. Cetere, kiam vi atingeblas pere de retpoŝto/Internet?

**Ndlr: Mi ne havas la teknikan eblecon, aliĝi al retpoŝto. Krome mi ne avidas – sufiĉas jam nun la amaso da poŝtaĵoj. – Cetere, jen la poentoj por IĴ, donitaj de C. Rouget: enhavo 7, lingva nivelo 9, grafika aranĝo 5, sume 21 poentoj. El ili, precipe tiuj por grafika aranĝo estas sufiĉe flataj, ĉu ne?**

## Traduko el IĴ

**Dragutin BALAGOVIĈ, Kroatio, skribas:**

Via artikolo „Influo de televido al gazetaro" (IĴ 4/94) tre plaĉis al mi kaj mi petis vian permeson traduki la artikolon por la Kroata Radio. Cetere, via artikolo alvenis ĝustatempe. Oni multe diskutas pri la privata (sendependa) televido kaj mi timas, ke ĝi fariĝos infotainment-televido. La radio jam en decembro elsendis vian artikolon.

Mi ricevis ankaŭ vian Manlibron pri Ĵurnalismo. Mi opinias ke ankaŭ ĝi estas tre bona. Mi jam delonge volis ĝin traduki, sed neniu havas monon pagi la aŭtoron kaj tradukanton.

## Planoj, sed mankas mono

**Nikola PAVLENKO (a/k N 56, EE-2020 Kohtla-Järve 13, Estonio, skribas:**

Mi estas komencanta esperantisto, sed sufiĉe sperta rusa ĵurnalisto (parolas kaj legas same la estonan lingvon). Mi volas kunlabori kun IĴ, eldoni revuon pri popolaj kreadoj kaj naciaj metioj de baltiaj kaj skandinavaj landoj kaj organizi esperantlingvajn elsendojn per loka kabla tv (8000 abonantoj). Mi havas bonajn planojn kaj samideanojn, sed bedaŭrinde ne havas monon. Nun en Estonio, por fondi firmaon, necesas havi monon ne malpli ol 100 000 EEK (proksimume 12 500 DM). Ĉu vi povas konsili kaj helpi al mi?

**Ndlr: TEĴA ankaŭ ne havas monon, sed eble ja gekolegoj en la regiono scias iujn eblecojn?**

## Novaj E-programoj

**Floréal MARTORELL, Francio, skribas:**

Radio FMR en Tuluzo travivis

| Radio KANALSUD' 92.2 FM | Radio OKCITANIO | Radio FMR |
|---|---|---|
| Esperanto-Magazino | Esperanto-Magazino | Esperanto-Magazino |
| 40 rue Alfred Duméril | 60 rue Assalit | BP 2435 |
| FR-31400 TOULOUSE | FR-31500 TOULOUSE | FR -31085 TOULOUSE |
| Francio | Francio | CEDEX |
| Fakso: +33 61.25.95.43 | Fakso: + 33 62.16.22.14 | Francio |

malbonegan periodon: la tuta materialo de la radio estis forŝtelita dumnokte kaj la radio ne povis funkcii dum pluraj monatoj. Pro tio Radio FMR translokiĝis. Nun nova studio de FMR dissendas de pli sekura loko, la kelo de diskoteko/koncertejo Bikini (vidu la novan adreson apude). La redakcio de Radio FMR dum la periodo, en kiu ne estis dissendo, precipe Floréal Martorell kaj Rikardo Cash, klopodis agadi en aliaj radio-stacioj. Tiuj klopodoj estis fruktedonaj, ili ebligis malfermi du aliajn esperanto- programojn, en Radio Okcitanio kaj Kanalsud'.

En niaj programoj (dulingvaj) ni disaŭdigas po 10 ĝis 15-minutajn programerojn eltiritajn de persatelitaj programoj de Pola Radio.

## PERSONE

*Novaĵoj pri gekolegoj*



József NÉMETH (Kilián ltp. 75/9, H-8500 Pápa) estas la nova redaktisto de *Internacia Pedagogia Revuo*. „Mi volas, ke IPR estu pli praktika, pli varia kaj ĝi neniam plu perdu la aperritmon," li skribis en sia memprezento. Bonan sukceson en realigo! La redaktoro estas 35jara hungara pedagogo, studinta matematikon kaj biblioteksciencon. Li anstataŭas s-rinon Márta KOVACS, kiu demisiis pro ŝanĝoj de vivcirkonstancoj „enlande kaj persone".

***

D-ro Arthur BAUR, renoma ĵurnalisto svisa, en februaro festis sian 80jariĝon. Li i. a. redaktis dum 44 jaroj la Esperanto-elsendojn de Svisa Radio Internacia kaj famiĝis pro elstara verko „La fenomeno Svislando". Gratulon postfeste al la eminenta kolego!

***

Andrzej PETTYN, kutime intervjuanta mem fariĝis intervju-viktimo de kolegoj: la germana sekcio de Pola Radio dufoje aŭdigis ampleksan intervjuon kun li.

***

Petras ĈELIAUSKAS estas la nova redaktoro de *Litova Stelo*, kiu krome translokiĝis el Vilnius al Kaunas kaj nun troviĝas en la historia domo Zamenhofo 5. Korespondadreso: p. d. 167, LT-3000 Kaunas, Litovio.

### Tango misdancis

Ne nur Esperanto-gazetoj foje estas efemeraj kaj kelkajn monatojn post naskiĝo entombiĝas. Ĉu vi memoras, ke en IĴ 1/95 (Nun *Tango* kundancas, p. 7) ni raportis pri nova germana ilustrita magazino *Tango*, kiu intencis konkurenci al *Der Spiegel* kaj *Focus*? Laŭ subtitolo ĝi estis „la info-ilustrito". Nia juĝo estis, ke *Tango*, startinta en aŭtuno 1994, eble povus forlogi iujn legantojn de *Focus*, sed ne de *Spiegel*.

Nu, ĝi eltenis eĉ ne unu kompletan jaron. Komence de junio la 23a numero estis la lasta. Eldonejo Gruner + Jahr ĉesigis la aperadon, ĉar ĝi ne sukcesis akiri sufiĉan porcion en la merkato. Fine de majo oni vendis nur 160 000 ekzemplerojn. Indikita deficito: 57 milionoj da germanaj markoj.

## REVUO

*de revuoj*

### La Espero el Koreio

pro nuligo de ŝtata subvencio ĉesis aperi, ĝuste nun, mallongan tempon post Universala Kongreso en Seulo. Kion konkludi el tio? La revuo servis precipe por informi eksterlandajn legantojn pri Suda Koreio. En la breĉon saltis alia sudkorea revuo:

### La Lanterno Azia

Ĝi fondiĝis en 1975 kaj servis precipe al enlandaj legantoj. La organo de Korea Esperanto-Asocio pro tio ne estis multe konata internacie. Redaktadon transprenis Choe Taesok, antaŭa redaktoro de *La Espero el Koreio*, kiu anoncis en la januara numero: „Por konservi la ecojn de *La Espero*, mi aperigos ankaŭ artikolojn pri freŝaj novaĵoj, literaturaĵoj, kutimoj, turismo kaj similaj rilate al Koreio kaj ĝia popolo. Tiel ni povas daŭrigi nian servon al internacia publiko. Do pli multnombriĝos esperantlingvaj paĝoj. La korelingvajn ni koncize resumos en Esperanto."

### La Gazeto

en numero 57 (15 mar 95) koncize informas pri TEĴA (dankon!). En la sama numero redaktoro Eugène de Zilah skribas pri „Limoj de lingvolernado" (p. 3 - 5), raportante siajn personajn spertojn en lernado de l' franca lingvo. Li demonstras, ke „formoj kaj stilotikoj truditaj per popola uzado starigas neatingeblajn konstante ŝanĝiĝantajn limojn al ellernado de fremda lingvo." La aŭtoro konkludas: „Esperanto estas la sola lingvo, ki-

un oni povas same majstri, same ami, kiel sian propran gepatran lingvon."

SAT-Amikaro

organo de esperantistaj laboristoj en franclingvaj landoj, jubileis: en marto-aprilo 1995 aperis la 500a numero. Gratulojn!

**Letero el Zagrebo**

estas la titolo de nova informilo 4paĝa en formato DIN A4 de Internaica Kultura Servo, kiu havas novan sidejon. Poŝtadreso de IKS: pp/pf 499, HR-41000 Zagreb, Kroatio.

**Monato**

internacia magazino sendependa

En ĝia junia numero István Ertl priskribas la situacion de filmoj kaj kinejoj en Hungario; la landon nun inundis usonaj filmoj, damaĝe al hungaraj. Konkludo (kaj titolo de l' artikolo): Holivudo: La fina venko. – En la antaŭa, maja numero, Stefan Maul rezonas pri forgesata subkontinento Latin-Ameriko, kiu aperas en okcidentaj amas-komunikiloj nur kiam okazas io eksterordinara; li atentigas en piednoto: „Legantoj de MONATO tamen havas avantaĝon kompare al ordinara publiko, ĉar sur la paĝoj de nia magazino almenaŭ de tempo al tempo aperas raportoj el kaj pri Latin-Ameriko, ne nur kiam jen okazis iuj eksterordinaraj eventoj." En tiu ĉi numero aperis artikolo pri Argentino.

**La letero de l' Akademio de Esperanto**

En ĉefartikolo de n-ro 30 (februaro - marto 1995) prezidanto d-ro André Albault citas redaktoron por persvadi esperantistojn, mem krei kulturon en la lingvo internacia: „Se ili sentas sin kapablaj, ili antaŭ ĉio ne forgesu mem produkti kaj apreci ĉion valoran. Iu redaktoro de gazeto kutimas skribi: *se vi deziras legi pri io, verku artikolon*! Li per tio taŭge instigas al agado. Helpu vin mem, la ĉielo helpos! Kio estas vera pri la legado kaj pri la verkado, ja veras ankaŭ por ĉio kultura!" – Ĉu vi scias, kiu estas la citita redaktoro? (Ni premios tiujn, kiuj ĝuste solvos la enigmon, per varma manpremo en Tampereo...)

***

Kaj eble plia gazeto...?

**Puraj Pulmoj**

Jaro 1 – majo 1995 – numero 1; tion oni povas legi sur folio en formato DIN A4 de Tutmonda Agado de Esperantistoj Nefumantaj (TADEN, provizora nomo !!). Ĝi „povos esti prova numero pri nova kontaktilo mondvasta", oni legas en unu loko, en alia loko, ke ĉiu „nova simpatiulo, kiu sendos du IRK-ojn, ricevos la venontan kajeron". Ni do atendu la naskiĝon definitivan.